# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 28/09/2017 Tricent- kvardekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Freelang Vortaro * Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,030,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **214,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,244,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. J.



La adverboj dividiĝas en du klasojn. La unua konsistas el originaj adverboj kies radiko jam estas adverba kaj kiuj ne portas la adverban finaĵon "-e". La aliaj transkategoriigatis kaj ĉiam havas la adverban finaĵon "-e". Ĉi lastaj povas ricevi ankaŭ la akuzativan finaĵon "-n" anstataŭantan la prepozicion "al" (aŭ kelkfoje alian): "hejmen".

Principe la adverbo donas ekstran signifon al, kaj difinas verbon, eĉ ĉe elverba sufikso el la verba radiko, kiel en "rapide manĝema" kaj "peze punita". Krom difini la verbon la adverbo difinas ankaŭ adjektivojn, "tre longa", kaj aliajn adverbojn, "danĝere rapide" kaj "ĉi tie", kaj prepoziciojn, "kadre de" kaj "kompare kun", kaj eĉ, sed nekonsilinde, substantivojn, "la vojo tien" por "la altiea vojo".

La adverbo povas esti la kernvorto de la Subjekto, "Multe da homoj venis", de la Objekto, "Ni renkontis kelke da fremduloj", kaj povas esti la Adjekto, "Ni kuris rapide" kaj "Ni iru tiudirekten". Laŭ Zamenhof , sed malkonsilinde, ĝi ĝustas ankaŭ kiel Predikativo: "Manĝi tro multe estas malsanige (pli logike: "malsaniga").

La komparaj adverboj uzas la samajn vortojn kiel la komparaj adjektivoj: "pli alten" kaj "plej rapide".

Nur adverboj povas, por fari prepoziciaĵojn, uzati kun prepozicioj: "tempe de" kaj "laŭlonge de" kaj "retrovene al". Komparu "meze de (la arbaro)" = prepoziciaĵo kun "en la mezo de (la arbaro)" = prepozitivo. La jenaj tabelvortoj (nomitaj kelkfoje "korelativoj") estas adverboj: ie, tie, kie, ĉie, nenie, iel, tiel, ktp., ial, ktp., iam ktp., iom, ktp. Ili estas radikoj sen la adverba finaĵo "-e" sed, se necesa, ili povas ricevi unu el la kvar kategoriaj finaĵoj: la tialo, tio iomas kvin, iama, iome, iea. Kelkfoje ili estas parto de kunmetaĵo: iomete, samkiel.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)



## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto Ĉapitro 3. En la punlaborejo (1a ero)

Fine oni alvokis min al du-jara punlaborado en unu el la plej grandegaj arbaregoj norde de Kopenhago. La poŝtisto sonoris la sonorilon de nia loĝejo. Diris li, mi havas registritan leteron por vi. Nu, tio ofte okazis, ĉar mi ja korespondis kun tiom da esperantistoj en la mondo. Mi do subskribis lian libron, kaj li donis al mi la leteron. Sed ĝi estis de Satano mem, aŭ almenaŭ de la registaro, dungata de Li. Mi diris al li, "kial vi ne avertis min", mi ne havas tempon por malŝpari kun la registaro." "Mi sciis, ke vi diros tion", li diris, kaj ridetis.

En la koverto estis senpaga bileto de Kopenhago al la punlaborejo. En la stacidomo mi renkontis multajn aliajn, kiuj survojis al la sama loko kiel mi.

Ni alvenis vendredon en la vespero. Sabaton en la antaŭtagmezo ni rajtis reiri al Kopenhago, sed ni devis reveni dimanĉon dum la vespero, fakte ni ĉiam revenis ĉirkaŭ la 2-a horo lundon. Mi ankoraŭ ne komprenas, kial ni devis alveni jam vendredon, nur por dormi unu nokton tie. Laŭ mia nerigistara opinio, pli bone estus atendi ĝis lundo matene !

Tiam plaĉis al la dana registaro ŝajnigi sin demokrata. Ili opiniis, ke ankaŭ militrifuzantoj rajtas lerni ion. Sed ĉar mankis instruistoj, ni estis devigataj trovi ilin inter ni mem. Inter ni estis kelkaj profesiaj instruistoj. Ili kovris sian vizaĝon per granda nigra barbo, mi ne scias kial. Eble ili hontis pro la aspekto de sia vizaĝo. Ili instruis la danan, anglan, francan kaj germanan lingvojn. Mi aliĝis al ili kaj instruis Esperanton al dek lernantoj. Kaj tuj, mi ankoraŭ ne scias kial, ankaŭ mi kreskigis barbon. Nun mi ŝuldas al mi mem klarigon. Oni ne sekvu aliajn, oni ĉiam estu si mem ! Sed mia barbo ne estis bela kaj nigra kiel iliaj. Mia barbo estis malhelruĝa sur la vangoj, la lipharoj estis flavaj, kaj sur la mentono la barbo estis karotkolora. Mi ne ŝatis ĝin, kaj mia haŭto jukis kaj jukis la tutan tempon, do kelkajn semajnojn poste mi estis la ununura instruisto senbarba. Tio pruvas, ĉu ne ? ke barbo ne faras la viron !

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Torquay Esperanto-Kafo-Klubo





Karaj Esperantistoj,

Dum la jaroj, kiam nia Torquay Esperanto Coffee Club (TEKK) aktivis, kunvenante unu fojon monate kaj gastigante vizitantojn en nia bela urbo, alloga al surfamantoj, situanta komence de la Vojo, la "*Great Ocean road*", ni kontaktis multajn

homojn. Kiel membroj de la Esperanto-Federacio de Viktorio havantaj inter ni ties pasintan Prezidanton, ni ricevis la arkivojn de la Federacio.

Ni decidis ciferecigi la arkivojn kaj, samtempe, aldoni tiujn ĉi artikolojn, trovitajn per Google Search.

Jen la ligilo al niaj datumoj, kiuj traktas la historion de Esperanto en la mondo, en Aŭstralio, en Viktorio kaj en nia klubo.

Ni kuraĝigas vin legi la dosierojn kaj elŝuti al viaj propraj komputiloj por ke nia historio povu esti konservita, ĉar havi la dosierojn en nur nia komputilo ne estas saĝa.

La Ligo: https://1drv.ms/f/s!Ar2nLf1GY157nYUnCafSP2h2S3v1iw

Amike La Torquay Esperanto-Kafo-Klubo. John Adams Sekretario.

Email: torquayesperantocoffeeclub@gmail.com *John Adams*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Sesjaraj Gratuloj

**NovZelando.** Mi gratulas vin pri via laboro por Aŭstraliaj Esperantistoj. *David Dewar*

**Germanujo.** Mi volas tre kore gratuli al via persistema eldonado de Australiaj Esperantistoj! Mi ĉiam ĝojas ricevi ĝin kaj poste legi en ĝi. *Utho Maier*

**Britujo.** Mi aliĝas al la gratuloj kiel fidela leganto. *Renato Corsetti*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Brisbano



Aliflanke ses jaroj ne estas jarcento! Vidu bildon : BES membroj Linda kaj Petro Danzer de Caboolture (ruĝa kaj verda ĉemizo ) gratulas najbaran CENTJARULON, Craig, meze de grupo, ĉi monate pro lia longa vivo. La unuan fojon mi skuis manon de centjarulo! Ĉu vi?

Krome Craig kaj lia edzino estas Esperantistoj.
Venu al Kvinslando kaj havu longan sanan vivon! *Peter Danzer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero





Kiam mi revenis el okcident-Aŭstralio al Kanbero en 1993, estis neniu grupo esperanta. Marjorie Ellyard ankoraŭ vivis sed ŝi loĝis en vilaĝo por maljunuloj kaj havis neniun grupeton. Tia restis la situacio ĝis Johano Garvey komencis lerni kaj ni kunsidis ĉiusemajne por babili. Tio okazis eble antaŭ dek jaroj.

Antaŭ kvar aŭ kvin jaroj Steven Landman aliĝis al ni el Viktorio. Lin sekvis Ĝiles Thomson kaj Caitlin Moran kiu komencis lerni rapide kaj bone per duolingvo. Bedaŭrinde Steven translokiĝis pasintjare al HongKongo, sed ĉijare Dianne Lukes translokiĝis el Toowoomba kaj venis kune kun sia nepo, Logan. Ni movis unu-du fojojn kaj nun la grupeto nombras ĝis sep personojn semajne.

Ĉar multe da personoj vizitas Kanberon, ni, de tempo al tempo bonvenigas vizitantajn Esperantistojn. Ni esperas ke vi vizitos baldaŭ.

*Huigh Malcolm*



# El Hobarto





Esperanta Ludvespero Ĉe la domo de Berndt Wechner

Sabatvespere, 9-9-2017, okazis ludvespero ĉe la domo de Berndt Wechner, Hobarto, Tasmanio. Maj, Gypsiana, Michael Carney el Sudaŭstralio, Berndt, kaj mi ĉeestis.

Adel Verpflichtet (Angla nomo estas "Hoity Toity"), verkita de Klaus Teuber en 1990 estis ludata. La tablo-ludo rilatas al blufo kaj gajno de poentoj rilate al la sekvantaj celoj:

1) Gajno de premioj ĉe antikvaĵaj ekspozicioj, kapto de rabistoj dum ekspozicioj

2) Plibonigado de viaj ekspozicioj per **a)** gajno de antikvaĵoj ĉe aŭkcioj aŭ **b)** ŝtelo de antikvaĵoj dum ekspozicioj

3) Ŝtelo de mono dum aŭkcio,

La konkursanto, kiu gajnis sufiĉan nombron da poentoj, gajnas la ludon.

Gratulon al Gypsiana, filino de Berndt pro gajno de la ludo. Gypsiana gajnis multajn premiojn en antikvaĵaj ekspozicioj. Ŝi bone ŝtelis almenaŭ du el miaj antikvaĵoj, kiuj estis tre valoraj por mia kolekto. Alia tialo pro mia perdo estis, ke mi ankaŭ ne saĝe aĉetis antikvaĵojn, kiuj ne kontribuis rudimente al mia kolekto. Miaj rabistoj malbone ŝtelis alies antikvaĵojn kaj ili estis facile kaptataj! Berndt diris, ke la ludo estis tiom populara en Germanujo kiom la populareco de la ludo "*Monopoly*" en Britio kaj Aŭstralio. Mi kaj la aliaj tre ĝuis la ludon kaj lia pretendo certe estas tre kredebla.

Poste, ni ludis alian ludon, kiu nomiĝas Blata Pokero. (*Cockroach Poker*) La ludo konsistas el 64 kartoj, kiuj dividiĝas al 8 bestaj emblemoj, kiuj inkluzivas blaton, araneon, muŝon, ranon, skorpion kaj aliajn. La ludo kontraste al ĝia nomo fakte rilatas malmulte al

pokero, sed oni devas atingi lertecon en blufado. Kontraste al la antaŭa ludo la celo de ĉi tiu ludo estas eviti la kolekton de specoj de kartoj. Se ludanto gajnas kvar kartojn de la sama emblemo, la homo fariĝas perdanto kaj la aliaj partoprenantoj estas gajnantoj.

Bedaŭrinde mi estis la perdanto de la ludo, sed Michael Carney eble estis tre proksima por gajni ĉi tiun postenon! La ludo estis tre ĝoja afero kaj mi certe entuziasmas por alia ludvespero!

Pli da informo pri la ludoj estas atingebla ĉe

1) https://boardgamegeek.com/thread/1787322/revisiting-spiel-des-jahres-winners-hoity-toity-k 2) https://boardgamegeek.com/boardgame/11971/cockroach-poker



Kam Lee dum 18-12-2016, ĉe *Blinking Billy Point* en *Lower Sandy Bay*, Hobarto, Tasmanio, kiu estas la plej bona loko por rigardi kruzŝipojn. Dum la Somera 2016-17 turista sezono, 47 grandaj kruzŝipaj vizitoj okazis.

Ofte la ŝipoj vizitas Hobarton dum la mateno, kaj forlasas dum la malfrua posttagmezo. En la fono estas la ŝipo "*Ovation of the Seas*", kiu estas 348 m longa kaj povas porti 4,180 pasaĝerojn (po du homoj litĉambre) ĝia unua vojaĝo okazis en Aprilo 2016. La ŝipo povas veturi maksimume ĉe 41 km hore. *Kam Lee*



# La kvar signifoj de la prepozicio " de " .



Observu la jenon: "La manĝado de la infanoj". Ĉu la infanoj manĝas? Jes.
"La manĝado de la pomoj". Ĉu la pomoj manĝas? Ne.
Strange, ĉu ne? Jen pli stranga: "La manĝado de la pomoj de la infanoj".
Ĉu la infanoj manĝas la pomojn? Jes kaj ne.
Jes, ili manĝas la pomojn.
Kaj ne: Oni (nemenciita) manĝas la pomojn apartenantajn al la infanoj.
Sekve: "La manĝado de oni de la pomoj de la infanoj".

JEN LA SOLVO : "La manĝado ate de la infanoj ante al la pomoj",
Angle: *The eating of the apples by the children*; kaj:
La manĝado (ate de kaprino) ante la pomojn de (= apartenantaj al) la infanoj.
Angle: *The eating of the children's apples (by the goat).*

P l u e : "La manĝado de la kapridoj". Ĉu ni manĝas la kapridojn, aŭ ĉu la kapridoj manĝas?
D o : AŬ ni manĝas = "La manĝado ante la kapridojn",

AŬ la kapridoj manĝas = "La manĝado ate de la kapridoj" (= *"by"*).

Ne plu ĉeestas problemo! Ĉiuj aliaj solvoj de ĉi tiu problemo de "de" enhavas problemojn.

P l u e : "La foriro de mia patro". Ĉu mi foriras? Jes kaj ne:

Se mia patro foriras : "La foriro ate de mia patro" (= angle *"by"*).

Se mi foriras: "La foriro for (el) de mia patro" (= angle "*from*").

Same: "La foriro ate de la cirko" = la cirko foriras, kaj

"La foriro el (for) de la cirko" = mi forlasas la cirkon.

Simile: "La ŝtelado de la infano" =

1). "La ŝtelado ate de la infano" kaj

2) "La ŝtelado ante al la infano", = oni ŝtelas la infanon, kaj

3) "La ŝtelado el de la infano" , = oni ŝtelas ion el la posedo de la infano.

"La murdo de la policano" = "ate de" Kaj "ante al".

"La manĝado de raŭpoj" = "ate de" kaj "ante al".

"La oficiala akcepto de la urbestro" = "ate de" kaj "ante al".

"La forpreno de la infano" = "ate de" kaj "ante al" kaj "for de".

"La trovo de la infano" = "ate de" kaj "ante al".

"La transporto de la ŝarĝaŭtomobilo" = "ate de" kaj "ante al" kaj "for de".

"La vido de la vundita okulo" = "ante al" kaj "ate de".

"La skulptado de la fama pentristo" = "ante al" kaj "ate de".

"La bruligo de la krimulo" = "ate de" kaj "ante al".

Noto 1. Ne eblas esti certa per la uzo de "fare de" kaj "fare al" ĝis la AdE oficiale decidas ke "de" en prepoziciaĵo kun elverba adverbo ĉiam kaj nur signifos ke ĝia determinanto estas la origina subjekto kaj ke "al" en tiaj kazoj determinatas de la origina objekto (kiu procedo estas ofte sekvata). Ĝis tiam la nuraj certaĵoj estas la Fundament'ecaj "ate de" kaj "ante al", ĉar KAJ "fare de" KAJ "fare al" havas ankoraŭ la samajn kvar signifojn. Kaj "far" estas komplete kontraŭ la gramatikaj reguloj de Esp.to.

Noto 2. Laŭ la (de Zamenhof praktikita) Regulo de Signiforedukto oni decidis, ke ambaŭ adverboj "ate" kaj "ante" perdas sian signifon de tempo kaj retenas nur la signifon de AŬ pasivo AŬ aktivo, sed nur se uzataj en prepoziciaĵoj (same kiel la verba pasivo "-ati" perdis la signifon de tempo sed nur se uzata kun verba finaĵo kaj same kiel falanto estas nur persono, ne arbo).

**KONKLUDO**: Se, pro siaj kvar tute malsamaj signifoj, la simpla "de" kaŭzas miskomprenon, kaj nur tiam, uzu tiukaze la jenajn Fundament'ecajn alternativojn klarsignifajn:

**A).** "for el" aŭ "for de" aŭ "el de" se "de" signifas malkuniĝon:

"La rapidega forkuro el de la ĉevalo" (= "*from*");

**B).** "ate de" se "de" signifas la aganton de la verba radiko: "La forpreno ate de la infano" (= by);

**C).** "ante al" (aŭ "ante" + akuzativo) se "de" signifas la objekton de la ago en la substantivo:

"La forpreno ante la infanon", kie la infano forprenatas;

**Ĉ).** "de" por ĉiuj aliaj kazoj, precipe ĉe aparteno kaj posedo, ĉe rilatoj, kaŭzo, origino, kaj ĉe pasivaj participoj: "La biciklo de la knabo"; "La enhavo de la rakonto"; "La rezulto de la eksperimento"; "Arestita de la polico".

Jen pliaj ekzemploj en klaso **"Ĉ",** kies baza signifo estas la posedo kaj la aparteno, kaj por kiuj ni ne povas uzi "for el" aŭ "ate de" aŭ "ante al":

La flugiloj de la birdoj; Birdo de blanka koloro; Homo de granda talento; Terpecoj de sama valoro; Vazoj de diversaj formo kaj grando kaj koloro; Vojaĝo de kvar tagoj; Ŝuldo de mil dolaroj; Larĝa de tri metroj; Kvarono de la kuko; La fino de la koncerto; La neceso de riparo; La supo de pizoj; La malantaŭo de la urbdomo; La bluo de la ĉielo; Kontenta de la rezulto; Proksima de la urbdomo; La sudoriento de la lando; La multeco de ĉeestantoj; kaj ĉiuj prepoziciaĵoj: Kadre de; depende de; komence de, k.t.p.

(Ate de) *Marcel Leereveld.*



## Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 24an de Septembro kvin homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni faris ekzercon pri korpopartoj kaj babilis.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Ni ne kunvenos Dimanĉo la 1/10, aŭ lunde je 25/9, 2/10 kaj 9/10.

Vendredon 29an je 06:30 - Sabaton 30an de Septembro

Ekskurso al Warrnambool, ni renkontiĝos ĉe Southern Cross staciodomo kaj iros trajne al Warrnambool. Ni tranoktos en hotelo kaj revenos je Sabato. Se vi ŝatus veni vi devus mem organizi vian trajnbileton kaj loĝadon - plenaj detaloj haveblas ĉe meetup.

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

**Meetup** – 921 **Instagram** – 104 **Facebook** – 304

**Telegram** – 17 **Twitter** – 318 *Joanne Johns*



**3ZZZ** Se vi ankoraŭ ne aŭskultis aŭ legis la informon de retradio de Anton Obendorfer kaj ne scias kial pro muziko viroj estas pli allogaj al virinoj, vi trovos la respondon en la elsendo de la 25a de Septembro

Mi deziras atentigi vin ke jam revenis la tempo de radiotono. 3ZZZ bezonas viajn donacojn por daŭrigi elsendi.

Kiel kutime Henry Broadbent akceptos viajn donacojn. Sciigu lin je la adreso henryngb@bigpond.com informas la kunvokanto *Franciska Toubale*

